# FENIKSO



INFORMILO POR

AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ





Redaktas:R.Jensen,Sdr.Ringg.77,DK-8000.Århus C

Nr. 16. 1. 9. 1971. Tria jaro nr. 4

## DIVERSAJ PREZENTOJ DE LA LYONA VARBSTAMPO.

La 16-an de februaro 1971 ekfunkciis en la urbcentra poŝtoficejo Lyon - Terreaux la ilustr-ita varbstampo anoncante la okazontan francan kongreson de Esperanto.






Tre rapide la datstampo estis ŝanĝata. Precipe la longeco de la referenco de la distrikto - inter parantesoj - estas iom pli malgranda, ĉar la spaco inter 1er kaj ARR estas pli malgranda kaj punkto ne sekvas ARR. Plie la cifero 2 en la hor-indiko estas pli fermata, kaj la eta substreko sub H mankas. (fig. 2)







En marto/aprilo la stampilo estis muntata sur alia maŝino. (fig.3). La rezulto estas, ke la spaco inter la ronda datstampo kaj la teksto nun estas 12 mm anstataŭ 7 mm. La litero H, simbolo de la horo, estas pli larĝa kaj mankas la tuta maldekstra parto. Cifero 0 estas pli ronda.






Ĝi estis la plej longdaŭra prezento.
La 10-a de aprilo verŝajne estis la lasta tago de la uzo, kaj nova ŝanĝo estas notinda.







(fig. 4). La stampo estas denove muntata sur la maŝino uzita dum la unuaj tagoj, sed eta diferenco estas ke la supra parto de la ronda datstampo estas rompita.
Eĉ se ne estas nepre necese envicigi ĉiujn variantojn en la kolekton por ke ĝi estu kompleta, mi esperas almenaŭ, ke miaj informoj interesas vin.

Jean Amouroux

---

AVERTO PRI IDO-MARKOJ DE LA ANGLA POŜTSTRIKO.

En "Fenikso" ni ordinare nur okupas nin pri "Esperantaĵoj", sed ĉi tie mi parolas pri markoj kaj stampoj, kiuj nur estas "pseŭdo-esperantaj". Ili estas nome en la lingvo IDO, sed ĉar IDO ja estas ido de Esperanto, oni hazarde povas erare koncepti etan tekston en tiu ling-

vo kiel Esperantotekston.
Pri tia erara koncepto temas la historio.

Dum la angla poŝtstriko, kiu komencis la 20-an de januaro 1971 kaj daŭris plurajn semajnojn la ordinara poŝttrafiko estis tute paralizata. Tre rapide la komerco suferis pri tiu situacio. Post kelkaj tagoj, kun permeso de la ĝenerala poŝtadministracio, multaj jam ekzistantaj privataj transport-agentejoj plivastigis ilian reton de reprezentantoj en- kaj eksterlande, kaj tiuj agentejoj kolektis nun la poŝtaĵojn, transportis kaj distribuis ilin al la adresatoj.
Memkompreneble tiuj servoj ne estis senpagaj sed pli multekostaj ol la poŝtservoj. Sed la uzo de poŝtmarkoj ne estis ebla, ĉar ne plu estis la poŝto, kiu faris la servon - sed la privataj agentejoj.
La solvo estis simpla: la agentejoj eldonis siajn proprajn "poŝt"markojn. La desegnoj de tiuj markoj estis tre diversaj kaj fantaziaj. Per tiuj markoj oni povis afranki la sendaĵojn kaj la markoj estis nuligataj per privataj stampoj sammaniere kiel ĉe la poŝto. Enlande la agentejoj faris la tutan transporton. Leteroj al eksterlando estis senditaj al reprezentanto en haveno sur la kontinento, kaj li devis afranki la leteron per la poŝtmarkoj de la koncerna lando, kies poŝto zorgis por la restanta transporto. Same la poŝtaĵoj al Anglujo estis kolektitaj de iu reprezentanto, kiu prizorgis la transporton al la adresato en Anglujo.
Ĉiuj tiuj privataj markoj kaj stampoj estis tuj objektoj por spekulacio flanke de la filatelaj negocistoj. Sed komprenelble oni ne povis paroli pri "poŝt"markoj, eĉ ne malgraŭ la permeso de la poŝtadministracio. Sed estas nur nature, ke multaj interesiĝis pri la markoj.
Nun venas la afero:
La privata agentejo POST-HASTE havis en Berlin reprezentanton, kiu estas "Esperanto-parolanta

Idisto", kiu posedas poŝtmarkvendejon.
Tiu reprezentanto, s-ro Alfred Neussner, zorgis pri markoj kaj stampiloj al tiu agentejo.
La markoj estis presataj per kliŝoj por iamaj IDO-glumarkoj kaj provizataj kun nova tekstsurpreso por la nuna okazo. Sur ĉiuj markoj estas inter alia la teksto: privata post-servo. Sur la stampo uzita en Berlin estas la sama teksto, dum la stampo uzita en Londono parolas angla: private postal servo.
Ĉio tio estas en ordo kaj tute legala.
La afero, pri kiu mi avertas, estas, ke s-ro Neussner (fidela kontraŭ lia propra kutimo) - ofertas tiujn markojn je vendo kun la simpla rimarko: Poŝtmarkoj kun teksto en L. I.
Kiam oni legas Esperantlingvan anoncon en Esperanto-gazeto, oni kompreneble supozas, ke tiu L.I. signifas Esperanton (kaj tio certe ankaŭ estas la intenco flanke de la anoncinto).
Tio estas ruzaĵo, kiun s-ro Neussner antaŭe same uzis por vendo de la IDO-glumarkoj. Li promesis sendi por 1 US dol. amason da glumarkoj en L.I. Legante tion en Esperantogazeto, oni mendis kaj ricevis - amason da IDO-markoj.
Tial mi admonas kolektantojn kontraŭ aĉeto de tiuj markoj,- se ili deziras Esperantaĵojn. Temas pri IDO-aĵoj. Sed se oni kolektas tiujn privatajn markojn entute, la afero estas en ordo Oni nur ne pensu, ke ili rilatas al Esperanto.
Intermikso kaj eraro estas facilaj kaj pardoneblaj, ĉar la unuunura diferenco en la IDO-teksto kaj sama teksto en Esperanto estas la cirkumflekso super s en la vorto post .
Germana kolektanto diris, ke li rigardas tiujn IDO-aĵojn kiel kuriozaĵojn, kiujn li tenas en sama grupo kiel la fantaziaj Roz-insulaj markoj, - sed tio ne estas natura, ĉar ĉe Roz-insulaj markoj temas fakte pri Esperantaĵo; ĉe la striko-markoj temas pri IDO-aĵoj, kio ne estas la sama. Ĉi tie oni tute ne povas paroli pri Esperantaĵo. Sed s-ro Neussner ja ankaŭ

neniam faris tion, kaj tial oni ne povas fari juran plendon pri li. Li nur parolis pri L.I., Lingvo Internacia, kaj esperas, ke Esperantistoj ne trarigardas la ruzan trompon.

Reinhold Jensen.

-ooOOoo-

A L T I Ĝ O J ! ĈIAM A L T I Ĝ O J

La prezo por ĉio ajn en ĉi tiu mondo altiĝis kaj ĉiam altiĝos. La lasta, ĝenerala altiĝo de la poŝtaj tarifoj estas tre grava, kaj ĝi estas tre ĝena por la funkcio de eta rondo kiel la nia. Kiel jam dirite en nr. 15 nia Stampo-Servo devis postuli helpon por la afranko de sendotaj stampoj, = 1 rkp por ĉiuj 4 mendotaj stampoj; Kaj al tio estas nenio alia ol diri, ke tio estas vere modesta, ĉar la altiĝo de la poŝta tarifo en ĈSR estas tre granda.

En Danlando la altiĝo ankaŭ estas rimarkinda. Afranko por Fenikso kostas nun 40 øre (antaŭe 30), kaj la unua pez-skalo estas nun 20 gramoj (antaŭ 50). Tio signifas, ke 12-paĝa numero eble povos transiri la unuan skalon kaj tial postulas afrankon de 80 øre.

Pro tio - kaj aliaj altiĝoj de prezoj por materialoj - NI ankaŭ estas devigataj altigi nian enspezon. Kaj la jara kotizo estos de la unua de januaro 1972: 7 rkp anstataŭ 6.

Ni esperas, ke la membraro komprenas la neceson de tio kaj restos en nia rondo.

-

Alia afero, kiu ĝenas nian ekonomion, estas ke Fenikso ofte malaperas dum la poŝta transporto. Multfoje membro skribis al mi, ke li ne ricevis tiun aŭ tiun numeron, ĉu mi povas sendi alian. Ĝis nun mi povis fari tion, sed estas ja ekstra elspezo por la kaso.

Tial mi de nun estas devigata peti al mem-

broj, kiuj petas pri resendo de Fenikso, ke ili pagas samtempe unu respondkuponon.

Mi petas la membrojn rigardi ĉu la referencoj en la membrolisto estas ĝustaj (ankaŭ la listo pri kolekt-objektoj).

Alie tuj sendu al mi korektan tekston.

Reinhold Jensen

---

LA MEMBROLISTO:

Ni bonvenigas 4 novajn membrojn!

41) D-ro Bálint Szemenyei, Huba - u. 38, Orosháza, Hungario. Kolektas: Pm. Sta. Glm.

42) Ramon Molera, Sta. Joaquina 13, Moyá, (Barcelona), Hispanio. Kolektas: Pm. Sta. Glm. Gazetoj. Lit.

43) Tomasz Sobiech, ul. Prosta 4 - 5, Biala Podlaska, Pollando. Kolektas: Pm.Sta.

44) Vilmos Radnai, Bajcsy u. 72, Dunaharaszti, Hungario. Kolektas: glm.

ADRESŜANĜO:

19) Jean Amouroux, 1. Rue de Soréde, "Moulin-a-Vent". F-66. Perpignan.Francio.

ANONCOJ:

S-ro Ramon MOLERA, Moyá (Barcelona). Membro nr 42 de AREK, deziras aktualigi siajn kolektojn de Esp.-poŝtstampoj kaj Glumarkoj. Proponoj de interŝanĝo estos bonvenaj.

Kiu deziras interŝanĝi Esperanto-stampojn kaj Tutaĵojn kun mi? Vian mankoliston sendu al J. Amouroux, membro nr. 19, (Vidu novan adreson). Mi anticipe dankas vin.

# G L U M A R K O J

Glumarkoj 1971. (Daŭrigo)

8) 49-a germana Esp.-kgr. Nürnberg. 1971.
(Albrecht Dürer-jaro)
(V)(25x37) trpk. fol. 5x2=10.
Bildo de Albrecht Dürer. Nigra k. verda.
a) normala stelo,
b) renversita stelo.(2 pintoj supren)

9) Privata komercisto en Lyon eldonis div. glm. pri la 63a franca E.kgr., sed la prezo de ili estas multe tro alta, kaj la tuta afero odoras tro multe de spekulacio. Unue mia intenco estis tute "forgesi" tiun eldonon, sed pripensante, ke la Glumarkkatalogo estas paĝon post paĝo plenigita de samspecaj privataj pli - malpli spekulacieldonoj, mi tamen nomas ankaŭ ĉi tiun. Kajereto kun 8 glm (4 en franca + 4 en Esperanto). Ili montras la simbolon de la kongreso, kaj la nura teksto estas: 63-a franca kongreso de Esperanto. Pasko. Liono 1971a. Eldonkvanto 1000 ekz. Prezo: 5 FF. Plue li vendas nedentumitajn kaj neĝumitajn foliojn po 7,50 FF, kaj "proveldonoj" sur rozkolora aŭ senkolora papero. ankaŭ po 7,50 FF. Mi ne konas lian adreson. Amouroux raportis.

10) 13a barcelonprovinca Esperantista renkontiĝo. 20. juny 1971. (H)(47x34) fol.3x2=6. diversbildaj markoj. Teksto: Esperanta kaj nacia. Verda.

11) 31a hispana kgr. de Esperanto. Alicante. 19-24 julio 1971. (V)(pap.35x47)fol.2x3=6 Stilizita bildo de monto, palmoj kaj ondoj. Plurkolora.
(PK kun sama bildo).

## DIVERSSPECAJ GLUMARKOJ

Se oni estas kolektanto de glumarkoj, oni kiel konate devas esti atenta pri fenomenoj, kiuj diversmaniere povas krei dubon rilate al certaj kolekt-objektoj, aŭ kiuj en ekstremaj okazoj simple estas falŝaĵoj. Pri tiuj lastaj mi parolis antaŭe en nr. 3 sub la titolo: Danĝeraj eltranĉaĵoj.

Kiam fervora kolektanto hazarde ricevas tranĉitan markon, pri kiu li neniam aŭdis, li ja unue tre ĝojiĝas kaj komencas fari studojn pri ĝi. Kaj la rezulto de tiu studo plej ofte estas, ke la "raraĵo" estas bildo eltranĉita de leterpapero, koverto aŭ etikedo. Do, ke tute ne temas pri "glumarko".

Tian travivaĵon ni certe ĉiuj konas. Kaj mi - kiel jam skribite - timas, ke mi en momenta ĝojo pri la ekposedo, aŭ eble nur la sciigo de alia kolektanto pri la raraĵo, tro rapide "trempis la plumon en la inkujo" kaj donis la travaĵon spacon en la glumarkkatalogo. Sed, kompreneble, oni en tiaj okazoj ne povas paroli pri glumarkoj.

Tute alie estas kun speco de glumarkoj, kiuj en la praktiko estas uzataj kiel kongresinsignoj k.s. krom tio, ke ili ja ankaŭ estis uzataj kiel ordinaraj glumarkoj sur leteroj, ĉar ili ja estas ekipitaj kun gumo. Ĉe tiaj markoj ne ekzistas dubo pri ilia valoreco kiel Glumarkoj.

Alia afero estas, se tiaj markoj estas presitaj sur kartono aŭ pli dika papero kaj ne surhavas gumon. Tiuokaze oni ne povas rigardi ilin kiel glumarkojn. Sed tiaj vinjetoj estas tamen kolektindaj kaj valoraj kiel "insignoj".

Pluraj numeroj en la katalogo estas markoj kiuj servis 2 celojn: glumarko kaj insigno, kaj ofte tiaj vinjetoj fakte estas pli maloftaj kaj "raraj" ol la ordinaraj, ĉar multaj el ili perdiĝis dum aŭ post la servo kiel "insigno" pinglofiksita sur la jako de Kongresano. Ofte oni

povas koni tiajn markojn helpe de la truoj, kiujn pinglo faris en ili.




Kiel ekzemplo de tia marko mi povas nomi nr. 688, kiu estis eldonita de la antaŭkongreso en Debrecen antaŭ la 51a UK en Budapest. Certe ne multaj konas tiun markon, ĉar ĝia apero ne antaŭe estis konata de kolektantoj. Ke mi hazarde posedas ĝin ŝuldas donaco de s-ro L. Obreczian, kiu partoprenis la antaŭkongreson. Kaj pro tiu donaco mi estas tre danka al li.



Alia, speciala speco de Glumarkoj estas etikedoj por Alumetujoj. Ili povas esti surgluitaj direkte en la fabriko, se la mendo estas sufice granda. Sed ili ankaŭ povas esti surgluitaj poste, ekzemple de komitatanoj, kiuj volas tiumaniere reklami por io ajn. Tiam la glumarko estas gluita super la ordinara alumetetikedo sur la skatolo, sed en ambaŭ okazoj oni povas rigardi la "etikedon" kiel "glumarkon". Se temas pri reklamo por certaj okazaĵoj mi nomis tiujn etikedojn en la glumarkkatalogo. Sed ekzistas multaj etikedoj, kiuj nur havas propagandan celon por Esperanto.

Oni do ne povas diri, ke glumarkoj nur havas unu taskon - beligi kovertojn kaj poŝtkartojn. Kaj pro tio la "sporto" kolekti glumarkojn fariĝas ankoraŭ pli rava.

Reinhold Jensen

-oOOo-

## STAMPOJ

POŜTSTAMPOJ 1971. (daŭrigo)

5) Maribor, Jugoslavio. 15-21 majo. 23a IFEF-kgr. (konstruaĵo kun turo, Esp-stelo). d.32.

6) Stockholm. 29-31 majo. Sveda Esp.-kgr. (Esp-stelo). d. 35 mm

7) Mohacs, Hungario. 11/6. Hungara-jugoslavia Esperantista renkontiĝo.(Detaloj mankas).

8) Krakow 1. 13/6. Kunveno de PZF klubo "Esperanto". (PZF = mallongigo de "Pola Filatelista Asocio").Teksto nomas ankaŭ la venonta 500a jubileo de Kopernicus 1473 - 1973. (Korto de Collegium Maius). 50x32 mm

9) Poznan 2. 13/6-22/6. 50a internacia foiro. (Emblemo kaj tur-konstruaĵo) d. 41 mm. (Aperis ankaŭ ne esperanta pm kun la sama

emblemo).Maksimumkarton sendis membro: 43.

10) Miedzyzdroje, Pollando. 28/6. Tutpollanda Esperanto-feriado. (22-29/6) Fluganta birdo. 50x30 mm

11) Bialystock. 17/7. 3-a Kulturfestivalo de Esp.-junularo. 17-20/julio. d. 39 mm

12) Alicante, Hispanio. 19-24/7. 31a hispana E.-kgr.(Ŝtelo kun "31" sur ondoj) d.32 mm

13) 91 - Orsay. (Parizo). 31/7 - 6/8. 44a SAT-kgr. (Ronda, franclingva) d. 36 mm

14) London W.C. 31/7 - 6/8. 56-a UK.
Granda rektangulo 53x32 mm
Estas tre mirinda kaj ne antaŭe vidita okazo, ke oni postulis krompagon de 1/2 d al la ordinara afranko, por ke la poŝtaĵoj estu stampitaj per tiu ne tro bela stampilo. Oni devas esperi, ke tiu ago ne estos ordinara en la estonto.

STAMPOJ DE AFRANKMAŜINOJ.(Firmenfreistemplen)

En Germanujo aperis 2 novaj stampoj kun Esperanto-teksto. Maŝintipo: Francotyp.

Löhne 1. 4972. Teksto: Gewinnen Sie Freunde in 99 Ländern mit Esperanto. Esperanto - Lingvo internacia. Lehrer Hermann Behrmann. (Valorsta.)

Teksto: En Malfacilo Helpas PILO. Esperanto. Lehr- u. Wörterbücher, Zeitschriften, Literatur, (monogram:VLP) Ludwig Pickel, 85 Nürnberg 2. Postfach 2113. (en la mezo: datstampo Nürnberg 2. 85.).(dekstre: valorstampo)

---

La redakcio esperas, ke vi havis bonan someron. Post la ferio ni denove eklaboras. La venonta "Fenikso" aperos la 15-an de Oktobro, sed materialo al ĝi devos esti ĉi-tie en septembro.